# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

https://translate.google.com/

PLENUMITA 15/09/2016 Ducentokdeksepa eldono 15/09/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)




Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Marcel Leereveld**

**SENDATA AL 305.** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Ekstudis pli ol **528,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

# La Adelajda Esperanto-klubo.





La lasta kluba kunveno en Adelajdo okazis merkrede, la 7-an de Septembro. Katja kaj Trevor Steele parolis pri sia vojaĝo al la 101-UK en Nitra kaj la posta restado ĉe la parencoj de Katja.

Surfote: Katja kaj Trevor en prahungaraj kostumoj.



Kun saluto,
Katja

]★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



# ESPERANTO FEDERACIO DE NSK



## De la nova Prezidanto

Karaj membroj,

Mi supozas ke vi jam scias, ke ĉe la jarkunveno de la 4-a de Septembro elektiĝis nova estraro. Roger Springer, kiu estis prezidanto ekde 2008, kaj Ian (Jano) Wylles demisiis. La nova estraro estas:

Prezidanto: Jonathan Cooper

Vicprezidanto: Dmitry Lushnikov

Aliaj estraranoj: Nicole Else (Sekretario), Alan Turvey (Kasisto), John Casey, Richard Delamore

(La antaŭa vicprezidanto, Gerry Phelan, demisiis Februaron ĉijare.)

Unue, mi kaj la tuta nova estraro volas esprimi niajn plej sincerajn dankojn al Roger pro la valora laboro, kiun li faris por la Federacio. Ni ankaŭ dankas lin pro lia daŭranta laboro por Esperanto, aparte pro lia ĉiusemajna novaĵletero, Aŭstraliaj Esperantistoj.

Estas mia tasko, kiel prezidanto, havi vizion por la estonteco. Kiel mi skribis en mia voĉdona deklaro (en la antaŭa Telopeo), jen estas miaj celoj por la Federacio:

fari Esperanto-Domon kaj niajn kunvenojn pli allogaj al homoj, kiuj interesiĝas pri Esperanto

diskonigi Esperanton al la publiko

diskonigi la Federacion kaj Esperanto-Domon en Esperantujo

Mi ankaŭ volas: kreskigi nian membraron, plibonigi interkomunikadon inter membroj, kaj inter membroj kaj la estraro, kuraĝigi vin, la membrojn, kontribui sugestojn por la Federacio (skribu al nsw@esperanto.org.au)



Kun bondeziroj kaj esperoj por fruktodona estonteco,

Jonathan Cooper

Prezidanto de EFNSK

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# El Perto



Dankon Roger, pro AE 286, ankoraŭ leginda novaĵletero, kiel kutime.

Gratulojn al Joanne Turvey pro via pasioplena instruado de Esperanto, verŝajne kun videbla sukceso!

Dankon Marcel, pro via pripensinda artikoleto. De vi ni ĉiam atendas cerbumendaĵon. Sed vi ne menciis vian tempon en Perth. Ĉu mi eraras, pensante, ke vi iam instruis ĉe Christchurch Grammar School en Claremont?

Plaĉas al mi, ke en la video koncerne *Bridge of Words*, la gelernantoj estas junaj, lertaj kaj entuziasmaj ne nur pri la lingvo sed pri la esenco de Esperanto.

Post rigardi tiun filmeton de Esther Schor mi ankaŭ spektis tiun de E Trimnell, en la angla, konsilante al ni 'vendi' nian lingvon ne kiel lingvon de harmonio inter la homoj (kaj ni ĉiuj scias, ke en tiu kampo Esperanto ofte mizere malsukcesas, ne pro iu kulpo de la lingvo mem, sed pro siaj prozelitoj) sed kiel ligo-lingvo de komerco, t.e. ne de la vidpunkto de idealismo sed de tiu de praktikismo. (Flanke, mi vidis en PIV la konsilon: *plej efika prediko estas praktiko.*) Nu, eble li pravas, kaj tion mi iom malbonvole konfesas, ĉar, kvankam mi dubas ĉu Zamenhof samopinius kun li, estas pli ol unu metodo senhaŭtigi katon, ĉu ne? (Kun egaj pardonpetoj al ĉiuj katoj kaj al mia amiko Bob Felby, pro tiu vere aĉa sed tamen bone konata, esprimo.) Ĉu iu el vi scias, ĉu E. Trimnell parolas nian lingvon?

Vera Payne

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Ĉu ni honestu al la ne-Esperantistoj pri kiel ni mistraktas Esperanton?



La plej multaj Esperantistoj deziras, ke pli da homoj lernu kaj uzu Esperanton, Tio estas krom la fakto, ke ili deziras uzi ĝin por si mem, por siaj propraj interesoj kaj utiloj. Tiuj interesoj kaj utiloj povas esti iliaj idealoj de malmilito, monda amikeco kaj ĉiupopola interkomprenado. Kelkaj lernis kaj uzas Esperanton por pli personaj kaj malpli idealismaj interesoj, ekz. poŝtmarkado aŭ vojaĝado aŭ por pli facile lerni aliajn lingvojn. Inter la idealismaj kaj idealetismaj estas multaj, precipe nuntempe, kiuj ŝatas "plibonigi" Esperanton. Ĉi tiuj ofte ne scias multon pri la karaktero kaj pri la arĥitekturo kaj gramatiko de artefarita

lingvo kia Esperanto. Senintence pluraj el ili estas kaj estos la kaŭzo de la degenero de nia lingvo. Tiuj senintencaj subfosantoj de nia lingvo troviĝas en ĉiuj kompetenconiveloj.

La granda diferenco estas, ke etnaj lingvoj ĝenerale disvolviĝas nature, ofte kaprice, kaj ke neniu instanco kreis kaj rekreas ilin, kvazaŭ ili kreas sin mem kaj kvazaŭ la parolantoj havas neniun rolon en tiuj kreiĝo kaj rekreiĝo, dum Esperanto kreatis, de Zamenhof, artefare, nenature, kaj ke ni, la uzantoj, daŭre rekreas la saman lingvon de Zamenhof. Pro tiu diferenco de natura disvolviĝo ĉe la etnaj kontraŭe al artefarita stabileco de Esperanto estas komprenebla ke la lingva karaktero kaj la disvolviĝo kaj la reguloj de ambaŭ specoj estas malsamaj. La Esperantistoj lernis artefaritan lingvon kaj ne deziras, ke Esp.to estu nek fariĝu natura lingvo kiaj estas la etnaj lingvoj, ĉar en tia kazo malaperus la ekzistorajto de Esperanto. Ĝi do devas resti artefarita kaj artefarata, kvankam la uzantoj, eble subkonscie, uzas ĝin nature, do sen konscia kompreno de ĝia artefariteco.

Por etna natura lingvo estus malnormala, se la multaj lingvaj reguloj ne havus multajn esceptojn kaj mallogikaĵojn kaj malfacilaĵojn. Ĉu Esperanto estus malnormala, se ĝiaj reguloj havus nenecesajn esceptojn? Do devas ekzisti iu povo por zorgi ke esceptoj ne invadu Esperanton. Tia povo ne povas ne esti certaj iuj Esperantistoj konsciaj pri la danĝeroj al Esperanto. Zamenhof opiniis, ke la Esperantistoj estas, kiel tuto, sufiĉe kleraj por zorgi, ke lingvaj reguloj deponitaj en la Fundamento ne ŝanĝatu al alia artefarita aŭ etna lingvo. La historio de Esperanto tamen montras, ke KAJ Zamenhof KAJ liaj postvenantuloj ne estis sufiĉe kompetentaj por eviti esceptojn al la reguloj.

En mia libro "Lingvaj Resondoj" mi klarigis la plurajn kontraŭojn al la gramatika strukturo. La plej multaj kreatis de tre kompetentaj sed pri lingvoj ne sufiĉe kompetentaj samideanoj. La malavantaĝo estas, ke tre malfacilas korekti kutimiĝintajn erarojn kaj ke krome la Esp.istaro ne komprenas la erarecon kaj tial enkondukas aŭ permesas pliajn neĝustaĵojn. Tio kondukos al degenero de nia lingvo kaj ŝanĝiĝo al neutila lingvo, kiu eble nomatu "Basic Frangla". Zamenhof mem kreis nur du tiajn erarojn. Mi klarigis ilin antaŭe en 3ZZZ kaj en A.E. Unu estas tre grava, kaj bonŝance ni povis kaj povas korekti ambaŭ laŭ kaj per la Fundament'o mem.

Postaj Esperantistoj, tre kleraj sed ne sufiĉe kleraj, enkondukis kaj tiel al ni altrudas plurajn aliajn erarojn, kun enkonduko de esceptoj ofte. Mi menciis ilin en mia supre menciata verko. Antaŭ kelkaj semajnoj mi klarigis tre gravan tian eraron, nome la uzon de unulitera sufikso -i- por landoj. Hodiaŭ mi mencias alian, multe malpli gravan. Ĝi koncernas la diferencon inter komunaj kaj propraj vortoj, plej ofte substantivoj. AŬ oni donas al propraj nomoj kiel Februaro kaj Vendredo ĉefliteron, kaj tiel traktas ilin kiel proprajn nomojn, AŬ oni uzas la artikolon "la" kaj traktas ilin kiel komunajn vortojn.(la februaro kaj la vendredo). Estas nepardonebla ne sekvi tiun regulon, sub kia ajn preteksto, ekz. ke oni bezonas variecon en la lingvo, aŭ ke la franca lingvo malobeas tiun regulon. Same pri la aliaj eraroj, ke kelkaj iomaj kompetentuloj inter niaj kontraŭ-Esperantaj malamikoj uzos niajn erarojn kaj esceptojn por proklami, ke eĉ la Esperantistoj mem ne kapablas uzi sian lingvon ĝuste, kaj ke tio estas kroma tialo por ne enkonduki Esperanton en la lernejojn. Kaj ĉu ni

devas esti honestaj kaj informi ilin ke ili estas pravaj en sia kritiko al Esperanto kaj al la Esperantistoj? Aŭ ĉu ni silentu esperante ke ili ne ekscios pri niaj malfortaĵoj? La respondo estu via, honeste aŭ malhoneste. Marcel Leereveld.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Lernado de fremda lingvo postulas

| | Komparu Esperanton |
|---|---|
| **Lernu legi la skribitan lingvon. Ofte ne agordas kun la parolata lingvo...** | ..Fonetika |
| **Lernu la gramatikon. Ofte plena da esceptoj de la reguloj.....................** | ..17senesceptaj reguloj |
| **Lernu vortliston taŭgan por via espera uzo........................................** | ..Kunmetataj vortoj |
| **Lernu la standardan prononcon Ofte ne agordas kun la parolata lingvo..** | ..Unu prononco |
| **Lernu la lokan parolatan lingvon.......................................................** | ..Ne ekzistas |
| **Lernu la ĉiun tagan mallongigan parolatan lingvon................................** | ..Ne ekzistas |
| **Lernu la idiomaĵojn de la lingvo ......................................................** | ..Ne ekzistas |
| **Lernu kiel kompreni la parolatajn respondojn de viaj demandoj............** | ..Unu monda lingvo |

Roger Springer Ĉu vi povus pli bonigi tiun tabelon? rspring@tpg.com.au

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Ankaŭ en ĉi tiu jaro pli-malpli dudek gastoj vizitis nian Eŭrazian Kulturan Centron el Japanio, Koreio, Ĉinujo, Svislando kaj Brazilujo antaŭ kaj post nia Universala Kongreso en Nitra.
Sendis Gabor Markus



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

**Ĉiuj „Aŭstraliaj Esperantistoj“ atingeblas je la suba adreso**

http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo